3.ª Epoko * N.º 102 Novembro * 1925

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## Nia Kongreso en Lirio

Okaze de aliaj festoj efektiviĝontaj en la sama dato, ni estis devigataj prokrasti nian Regionan Kongreson por la proksima dimanĉo 8ª de tiu-ĉi monato.

La entuziasmo estas granda kaj ni ricevis multajn gratulojn pro tiu prokrasto, tial ke en diversaj lokoj ankoraŭ ne estis finiĝintaj la agrikulturaj laboroj, precipe la rikolto de vinvero, dum pasinta monato.

Do, ni esperas atingi gravan sukceson kaj kuraĝigas la samideanojn por ke ili alvenu Lirion multenombre.

L. K. K.

## Nuestro Congreso en Liria

Con motivo de tenerse que celebrar otras fiestas en la misma fecha, nos hemos visto obligados a aplazar nuestro Congreso Regional para el próximo domingo, 8 del presente mes.

El entusiasmo es grande, y hemos recibido muchas felicitaciones por dicho aplazamiento, ya que en diversas localidades todavía no habían terminado las labores agrícolas, principalmente la vendimia, durante el mes pasado.

Así, pues, esperamos alcanzar un éxito importante, y animamos a nuestros correligionarios a que vengan a Liria en gran número.

# Amo patrina

Meze de malriĉa ĉambro, kuŝanta sur malmola lito, malsana virino ĝemis kaj ploris senkonsole. Ŝi proksima jam vidis la morton kaj ŝi ĝin timis. Certe, la vivo por ŝi estis nenio aminda. Preferinda estis la morto, kiu al ŝi proponis pie la ripozon. Sed tie, interne de la sama ĉambro, ŝia kara fileto dormis kaj sonĝis trankvile, kaj, kiu scias kio okazus al li se li restus orfo?

Kiel sola ornamo la ĉambro montris humilan gravuraĵon de la Virgulino, antaŭ kies piedoj du anĝeloj genue ŝajnis peti konsolan rigardon por la malfeliĉaj pekuloj. Subite, batas malproksime dekdu sonorilfrapoj, kiuj anoncas la alvenon de la noktomezo, dum sub la hela luno forflugas kvazaŭ nigraj kaj silentaj fantomoj, kelkaj noktabirdoj. Dume, la infano sonĝas kaj ridetas.

Sur la mizera lito la malfeliĉulino ektremas. Finas jam ŝia vivo, sed malgraŭ tio ŝi kunigas siajn lastajn fortojn, kaj ellitiĝante sin trenas ŝancele ĝis la sankta imago.

—Virgulineto, kara Virgulino, kial vi konsentas ĉition? Ĉu vi ne vidas ke se mi mortas mortos ankaŭ mia fileto? Sed ne; vi zorgos lin kaj tiel li estos feliĉa. Ĉu tio ne estas certa? Vi parolos pri mi al mia infano. Vi al li rakontos ke li estis mia sola amo. Mi mortas kara Virgulino. Ho! Mi volas ankoraŭ kisi unufoje, la lastan fojon mian fileton!...

Ŝi silentis, kaj fermante la okulojn, apogis sin kontraŭ la muro por ne fali. Subite, unu el la anĝeloj de la pia deseg-

# Amor de madre

En medio de pobre habitación, postrada en un duro lecho, una mujer enferma gemía y lloraba sin consuelo. Próxima ya veía la muerte y la temía. Ciertamente, la vida para ella nada tenía de amable. Preferible era la muerte, que, piadosa, le ofrecía el reposo. Pero allí, en la misma habitación, dormía su querido hijito y tranquilamente soñaba, y ¿quién sabe qué sería de él si quedase huérfano?

Como único adorno, la habitación mostraba humilde grabado de la Virgen, ante cuyos pies dos ángeles arrodillados parecían implorar una mirada de consuelo para los infelices pecadores. Súbitamente suenan a lo lejos doce campanadas que anuncian la llegada de la media noche, mientras que bajo la luna esplendorosa vuelan a lo lejos, como negros y silenciosos fantasmas, algunas aves nocturnas. En tanto, el niño sueña y sonríe...

En el mísero lecho la desgraciada se estremece. Acaba ya su vida; mas, a pesar de ello, reune sus postreras fuerzas y, abandonando el lecho, se arrastra vacilante hasta la santa imagen.

—Virgencita, querida Virgen, ¿por qué consientes esto? ¿No ves tú que si muero morirá también mi hijito? Pero no; tú cuidarás de él y así será feliz, ¿no es cierto? Tú hablarás de mi a mi niño. Tú le contarás que él fué mi solo amor. Muero, querida Virgen. ¡Ah! Yo quiero aún besar una vez, la última vez a mi hijito!...

Calló, y cerrando los ojos, apoyóse en el muro para no caer. De repente, uno de los ángeles del piadoso dibujo, obede-

no, obeante ordonon de la Virgulino, eliris el la gravuraĵo, kaj prenis per la sia la manon de la malfeliĉulino.

—Aŭskultu virino—li diris—. Se via filo estus malfeliĉa, via memoro neniam sin estingos en li, kaj poste, dum la silenta nokto li rakontos al vi siajn suferojn, kaj dolĉe li parolos kun vi. Sed se via filo estus feliĉa, tiam, meze de riĉaĵoj kaj plezuroj, jam li memoros vin neniam. Diru, kion vi deziras por via infano?

La malfeliĉulino dubis momenton. Malgaja larmo glitis sur ŝiajn vangojn kaj malsekigis la malriĉan lulilon. Poste, la virino rigardadis sian filon; ŝi rigardadis ankaŭ la sanktan Virgulinon kaj diris ĉagrene kvankam firme:

—Virgulineto, ke li estu feliĉa!...

Tra la fenestro eniris tiam la luna helo, kaj ronditaj ĉirkaŭitaj de ĝia pura kaj blankega lumo, formalaperis plorante anĝelo kaj virino. Dume, kiel se li konus ke lia sorto estis jam decidita la infano ektremis ĝoje sur sia humila liteto; li malfermetis siajn lipojn, kaj sentante kuri kvazaŭ kareso sur sia vizaĝo la larmojn de sia patrino, eltiris el sia buŝeto infanan kaj dolĉan ridon...

Eduardo Moreno.

(De *La Actualidad*).

Valencio, 15-3-25.

ciendo una orden de la Virgen, salió del grabado y tomó con la suya la mano de la desgraciada:

—Escucha, mujer—le dijo—. Si tu hijo fuera desgraciado, tu recuerdo nunca se extinguirá en él, y luego, en la callada noche, te contará sus sufrimientos y dulcemente hablará contigo. Pero si tu hijo fuese feliz. entonces, en medio de riquezas y placeres, ya nunca se acordará de ti. Di, ¿qué deseas para tu niño?

La desgraciada dudó un momento. Una lágrima de tristeza resbaló por sus mejillas y humedeció la pobre cuna. Luego la mujer contempló a su hijo, contempló también a la santa Virgen y dijo con amargura, aunque con firmeza:

—¡Virgencita, que sea dichoso!...

Por la ventana entró entonces la claridad de la luna, y rodeados por su luz pura y blanquísima, desaparecieron llorando a lo lejos una mujer y un ángel. En tanto, como si conociese que su muerte ya estaba decidida, el niño se estremeció de gozo en su humilde camita; entreabrió sus labios, y sintiendo correr, cual caricia sobre su rostro, las lágrimas de su madre, exhaló por su boquita una risa dulce e infantil...

Eduardo Moreno.

(De *La Actualidad*).

Valencia, 15-3-25.



# Notoj de leganto

Se ĉiutage oni legas la naciajn ĵurnalojn, ĉu grandajn, ĉu malgrandajn, oni devas konstati kun doloro, ke krom malmultaj sciigoj pri societa vivo, festoj kaj festenoj je ies honoro la tuta cetera parto estas plenigita de ŝteloj, trompoj, murdoj, sinmortigoj, akcidentoj aŭtomobilaj kaj vagonaraj, familiaj dramoj, lokaŭtoj, militaj teruraĵoj, kaj oni afliktite formetas la foliojn, kiuj montras tiel evidente la maljustaĵojn kaj malfeliĉaĵojn de la nuna socia ordo.

La esperanta gazetaro ĝis nun feliĉe ne elmontras tiujn malĝojigajn flankojn de la vivo. Nur de tempo al tempo la Nekrologoj' rimarkigas al ni la perdojn en niaj vicoj, perdojn ĉiam priplorindajn, ĉar malpliiĝas per ili nia bedaŭre ankoraŭ malgranda batalantaro por paco kaj amo kaj interhoma kompreniĝo kaj fratiĝo. Tial la legado de nia esperanta gazetaro ne vekas en ni sentojn de doloro kaj kompato, sed la «novan senton» ni spiritrimarkas irantan kun forta voko tra la mond' eterne militanta. Ne estas nia espero pri granda homa familio nura penso utopia; male, tiu alta, aspireginda idealo montriĝas efektivigebla per la batililoj «obstino, pacienco kaj amo». La amo venkas ĉion. Oni ne kredu, ke ni imitas la birdon struto metantan dum danĝero sian kapon en la sablon kaj tiel kredantan sin savita, ne; ni plene konscias la ĝeneralan mizeron ĉirkaŭ ni sed tiu mizero inspiras al ni eĉ pli fortan volon, pli feran decidon kaj pli ardan entuziasmon por la kontraŭbatalo, ne per rimedoj barbaraj, sed per armiloj intelektaj, unualoke per nia mondampleksa lingva ilo Esperanto.

# Notas de un lector

Si a diario se leen los periódicos nacionales, ya sean grandes o pequeños, se debe observar con dolor que, aparte unas pocas noticias relativas a la vida social, fiestas y festines en honor de alguien, toda la parte restante se llena con robos, engaños, asesinatos, suicidios, accidentes de automóviles y trenes, dramas familiares, huelgas y horrores de la guerra, y con aflicción se arrojan las hojas que con tal evidencia muestran las injusticias e infelicidades del actual orden social.

Hasta ahora la prensa esperantista felizmente no pone de manifiesto tan afiictivos aspectos de la vida. Sólo de tiempo al tiempo los necrólogos nos hacen saber las pérdidas en nuestras filas, pérdidas siempre deplorables, porque por ellas decrece el todavía pequeño número de nuestros combatientes por la paz, el amor y la humana intercomprensión y fraternidad. Por eso la lectura de nuestros periódicos esperantistas no despierta en nosotros sentimientos de dolor y compasión, sino que espiritualmente vemos el «nuevo sentimiento» marchando con fuertes llamamientos a través del mundo que combate eternamente. Nuestra esperanza respecto de una gran familia humana, no es solamente un pensamiento utópico; por el contrario, ese alto, apetecible ideal, se muestra realizable con las armas de la obstinación, la paciencia y el amor. No se crea que nosotros imitamos al avestruz, metiendo durante el peligro su cabeza en la arena y creyéndose así salvado, no; nosotros tenemos plena conciencia de la general miseria que nos rodea; pero esa miseria nos inspira hasta más fuerte vo-

luntad, más férrea decisión, más ardoroso entusiasmo para la contrabatalla, no con medios bárbaros, sino con armas intelectuales; en primer lugar, con nuestro instrumento lingüístico Esperanto, que abarca todo el mundo.

Sed estas nepre necese, ke ni ĉiuj, ke ĉiu el ni staru, garde sur sia posteno. Estas nepre necese, ke ni estu trapenetritaj de la sankta misio de Esperanto, ke «la verdan standardon tre alte ni tenas». La plej efika batalilo estas sendube nia esperanta gazetaro kaj, ne malpli grava la propagando en la nacilingva. Tie ni metas la semojn, kaj kvankam centoj kaj miloj da ili perdiĝos, ni ne ĉesos, ni ne ĉesu!

Pero es absolutamente necesario que todos nosotros, que cada uno de nosotros permanezca de guardia en su posición. Es de todo punto indispensable que estemos compenetrados de la santa misión del Esperanto, que «sostenemos enhiesto el verde estandarte». El arma más eficaz es sin duda alguna nuestra prensa esperantista, y no menos importante la propaganda en la nacional. Allí arrojamos las semillas, y aunque cientos y miles de ellas se pierdan, ¡nosotros no cesaremos, no cesemos!

Sed ni devas ankaŭ varti kaj zorgi kaj flegi la plantetojn elkreskintajn el niaj semoj. Ĉu ne prezentiĝas al ni tasko vere realiginda? Ĉu ne povas ni senti nin fieraj ofici kiel ĝardenistoj de la homaro, de nova homaro?

Debemos también nosotros vigilar, cuidar, atender solícitamente las plantitas crecidas de nuestras semillas. ¿No es verdad que se nos presenta una tarea digna de ser realizada? ¿No es cierto que podemos sentirnos orgullosos de oficiar como jardineros de la humanidad, de la nueva humanidad?

Do, gekamaradoj, eke al ago kaj laboro! JOBO.

¡Así, pues, camaradas de ambos sexos, demos comienzo a la acción y al trabajo

---

# La X-a Katolika Esp. Kongreso en Parizo

La X-a Katolika Esperanto-Kongreso sukcese okazis, de la 13 a ĝis la 16a de aŭgusto, en Parizo. La malferman kunsidon prezidis Monsinjoro Fourrier *Bonnard*, rektoro de la preĝejo «Saint-Nico-

# El X Congreso Católico Esperantista en París

El X Congreso Católico Esperantista se celebró con brillantez del 13 al 16 de agosto, en París. Presidió la sesión de apertura Mons. Fourrier Bonnard, párroco de la iglesia de «San Nicolás de los

las des Lorrains» en Romo, kiu esperantlingve salutis la kongresanojn. La kongreso altpatronadis du kardinaloj kaj dekdu episkopoj.

Dum laborkunsidoj, kiuj okazis ĉiumatene je la 10-a, prezentataj estis interesplenaj raportoj pri la katolika gazetaro en Anglujo de s-ro J. E. *Hookham*, en Aŭstralio de s-ro Peat *Leahy*, en Belgujo de s-ro *Hamaide*, en Ĉeĥoslovakio de s-ro *Steffi*, en Francujo de pastro *Ramboux*, en Germanujo de f-ino *Polier*, en Hispanujo de pastro *Font-Giralt*, en Hungarujo de s-ro *Fekete*, en Jugoslavio de s-ro *de Sigeti*, en Litovio de Monsinjoro *Dombrovski*, en Nederlando de s-ro *P. Heilker* kaj en Polujo de s-ro Ĝeçek.

Loreneses», en Roma, que en lengua esperanto saludó a los congresistas. Patrocinaban el Congreso dos cardenales y doce obispos.

En las sesiones de trabajo, que se celebraban todas las mañanas a las diez, fueron presentadas interesantes proposiciones sobre la prenaa católica: en Inglaterra, por el Sr. J. E. Hookham; en Australia, por el Sr. Peat Leahy; en Bélgica, por el Sr. Hamaide; en Checoeslovaquia, por el Sr. Steffi; en Francia, por el padre Ramboux; en Alemania, por la Srta. Polier; en España, por el P. Font-Giralt; en Hungría, por el Sr. Fekete; en Jugoslavia, por el Sr. de Sigeti; en Litovia, por Mons. Dombrovski; en Holanda, por el Sr. P. Heilker, y en Polonia, por el señor Checek.

Vendredon vespere okazis speciala kunsido de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista.

Ĉiumatene antaŭ la kunsidoj, okazis Mesoj, la unuan tagon, en la Katedralo de Parizo, la du aliajn tagojn, en la preĝejo Sankta-Johano-Evangelisto. Predikis paroĥestro C. *Duvaux* kaj pastro *Font-Giralt*.

Posttagmeze la kongresanoj promenadis tra Parizo aŭtomobile vendredon, kaj ekskursis al Versailles sabaton.

Dimanĉon, je la 15-a okazis la ferma ceremonio en la belega baziliko de la Plejsankta-Koro en Montmarte, tutplena de homamaso. Ĉiuj kantikoj estis kantataj en nia lingvo kaj pastro *Ramboux* predikis esperantlingve pri la universa reĝeco de l'Kristo. La ceremonio certe boninfluis la publikon pri nia Esperanto-movado.

El viernes por la tarde tuvo lugar una sesión especial de la Unión Católica Internacional Esperantista.

Todas las mañanas, antes de las sesiones, se celebraron Misas: el primer día, en la Catedral de París; los otros dos días, en la iglesia de San Juan Evangelista. Predicaron el párroco C. Duvaux y el P. Font-Giralt.

Por la tarde, los congresistas pasearon por París en automóvil el viernes, y fueron de excursión a Versalles el sábado.

El domingo, a las 15, tuvo lugar la ceremonia de clausura en la hermosísima basílica del Sagrado Corazón en Montmartre, rebosante de público. Todos los cánticos fueron cantados en nuestra lengua, y el P. Ramboux predicó en esperanto sobre el reinado universal de Cristo. La ceremonia seguramente impresionó bien al público respecto a nuestro movimiento esperantista.

Dum la malferma kunsido la kongresanaro aplaŭde voĉdonis telegramon jenan tuj sendotan al Lia Papa Moŝto:

«Katolikaj esperantistoj, kunvenintaj en Parizo por sia Deka Kongreso internacia, sub patronado de du kardinaloj kaj dekdu episkopoj, celante uzi lingvon Esperanton je la servo de la Eklezio, respekte ĉe la piedoj de Lia Papa Moŝto oferprezentas al Li respektegon, obeemon kaj amon filajn, kaj humile petegas la Apostolan Benon por siaj laboroj.»

Responde Pio XI-a sendigis jenan telegramon alvenintan tuj post la fermo de la Kongreso pere de Lia Kardinala Moŝto *Duboix*, ĉefepiskopo de Parizo:

«Sankta Patro akceptante oferprezenton pri amo fila de la esperantistoj katolikaj kunvenintaj en Parizo por sia Deka Kongreso Internacia tutkore sendas al ili, pere de vi, apostolan benon petitan.

*Kard. Gasparri.*»

La Kongreso ricevis ankaŭ saluttelegramon de la IK-prezidantaro, tiam kunvenanta en Oxford. Responde, laŭ propono de pastro Ramboux, la X-a Katolika Esperanto-Kongreso voĉdonis sendon al la IK-prezidantaro de tutkoraj danko kaj deziresprimo pri la unuiĝo de ĉiuj katolikaj samideanoj en la vicaro de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, ĉu IK-anoj, ĉu ne! IKUE ja deziras nur unuigi ĉiujn katolikajn esperantistojn kaj frate alvokas ilin ĉiujn ĉirkaŭ sia standardo.

G. R.

En la sesión de apertura se votó, con aplauso por los congresistas, el siguiente telegrama, enviado inmediatamente a Su Santidad el Papa:

«Católicos esperantistas, reunidos en París para su Décimo Congreso Internacional, bajo el patrocinio de dos cardenales y doce obispos, con el fin de emplear la lengua Esperanto en el servicio de la Iglesia, respetuosamente a los pies de Su Santidad ofrécenle sumisión, obediencia y amor filial, y humildemente piden la bendición apostólica para sus trabajos.»

En contestación, Pío XI envió el siguiente telegrama, llegado inmediatamente después de la clausura del Congreso, por mediación de Su Eminencia el Cardenal Dubois, Arzobispo de París:

«Santo Padre, aceptando la ofrenda de amor filial de los esperantistas católicos reunidos en París para su Décimo Congreso Internacional, les envía de todo corazón, por vuestra mediación, la bendición apostólica pedida.

*Card. Gasparri.*»

El Congreso recibió también telegrama de salutación del presidente de la IK (Internacional Católica), entonces reunida en Oxford. Como respuesta, según proposición del P. Ramboux, el X Congreso Católico Esperantista votó enviar al presidente de la IK cordiales gracias y el ardiente deseo de la unión de todos los *samideanos* católicos en torno de la Unión Católica Internacional Esperantista, sean o no miembros de la IK!—La IKUE (Internacional Katólica Unión Esperantista) sólo anhela reunir a todos los católicos esperantistas y fraternalmente los llama a todos alrededor de su estandarte.

TRADUCIDO POR F. S.

## MONISTROL DE MONTSERRAT



Por La Suno Hispana.

Sur tiu ĉi fotografaĵo estas.

Maldekstre: Pastro Orobitg, gvidinto de kvar kursoj de Esperanto; dekstre: D-ro. Juncá, kuracisto, unu el la plej fervoraj lernintoj de Esperanto; meze: Kelkaj knaboj el tri vilaĝaj lernejoj unuigitaj kiel familia rondo, je ekskursa tago ĉe la fonto «Les Guilleumes» flanke la fama monto Montserrat, por solenigi la fermon de la someraj kursoj de Esperanto.

Orobitg, *Ptro.*

---

# Por nia afero

Ĉiuj esperantistoj el Hispanujo estas petataj ke ili bonvolu sendi al la redakcio de La Suno Hispana ĉiujn raportojn publikigotajn de la hispanaj gazetoj kaj ĵurnaloj pri esperanta propagando aŭ simple pri esperantaj sciigoj, ĉar ni kolektas en aparta libro ĉiujn eltranĉaĵojn, kiujn ni konas, aperantaj en la naciaj gazetoj en kies kolonoj oni pritraktas aferojn rilate al nia komuna idealo. Tiamaniere ni povos havigi al ni plenan historion pri nia movado en ĉiu tempo kaj en ĉiuj urboj de la tuta lando.—Al la sendontoj ni esprimos per letero aŭ poŝtkarto niajn sincerajn dankojn.

# Por nuestro asunto

Rogamos a todos los esperantistas de España se sirvan enviar a la redacción de La Suno Hispana todos los artículos que publiquen los periódicos y revistas acerca de la propaganda esperantista o simplemente sobre noticias esperantistas, pues coleccionamos en libro aparte todos los recortes que nos son conocidos, en cuyas columnas se trata de asuntos relacionados con nuestro común ideal. De este modo nos podremos proporcionar una historia completa de nuestro movimiento en todo tiempo y en todas las poblaciones de la nación. A los remitentes, nosotros expresaremos por carta o tarjeta postal nuestras sinceras gracias.



# ĈIAM ESPERO!

Feina voĉo por mi ne trilas
Anĝele, kun saĝo;
Okuloj miaj ankaŭ ne brilas
Kun plena kuraĝo.
Rabante al mi vian la ĉarmon,
La tempo forpasis;
Rabante de la koro la varmon,
La tempo min lasis!
Ĉagrenis min la tempo profunde;
Pasigis ĝi jarojn
Rapide, kaj blankigis abunde
Ĝi miajn la harojn;
Kaj aĝo la mia
Jam estas aŭtuna;
Sed koro, tre juna
Ankoraŭ, pasia,
Ĉar ĉiam por koro,
Brulanta pro l'amo
Kun arda la flamo,
Ne venas lasthoro.
Kruele Destino
Kondutis sin dum tuta momento...;
Sed certe la Fino
Alvenos, kaj jam ĉesos turmento,
Amata feino!

JULIO MANGADA ROSENÖRN.



# La hispana esperanta movado

*Madrido.*—Pastro Mojado sukcese daŭrigas la kurson de Esperanto per radio, kaj li tre trafe vekas ĉies atenton.

Ĉiuĵaŭde kunvenas komitatanoj de H. E. A. ĉe D-ro. Cortezo, 1.ª Prezidanto de la komitato aranĝanta nian VI an Kongreson, por pritrakti kongresajn aferojn, kursojn kaj nian tutan movadon, precipe por Universitato, Akademioj kaj Ateneo.

*La Escuela Nueva* aperigis artikolon gravan pri Esperanto; *El Siglo Médico* interesiĝas pri la lingvo, kiun ĝi propagandas: *El Magisterio* faradas bonegan laboron inter la geinstruistoj, interrilatigante ĉiujn fremdajn geinstruistojn; *La Revista Técnica de la Guardia Civil* daŭrigas sciigante, eĉ en la plej apartaj lokoj de la lando, pri nia afero, kaj oktobra n-ro. raportos pri la kongreso; S-ro. Inglada aperigis sur la scienca grava revuo *Ibérica* raporton pri la Ĝeneva Kongreso, kaj li ĵus sendis informon gravan al la Registaro, kaj S-ro. Mangada faros same, sed preskaŭ certe per libro, kiun li celas eldoni kaj kiu estos tre interesa kaj efika por nia propagando. *El Socialista* daŭrigas regule publikigante esperantaĵojn, kaj la grava ĵurnalo. *La Libertad*, kiu de tempo al tempo ion diras pri Esperanto, preskaŭ certe aperigos ĉiusemajnan rubrikon esperantan. La Kongreso de Naturistoj ĵus okazinta en Bilbao rekomendis Esperanton kaj malfermi kursojn de nia lingvo ĉe la naturistaj grupoj; kaj ankaŭ la kongreso, okazinta en la sama urbo kaj epoko, de la Nacia Fede-

# El movimiento esperantista español

*Madrid.*—El P. Mojado continúa con éxito el curso de Esperanto por la radio, consiguiendo despertar la general atencion.

Todos los jueves se reunen los individuos del comité de H. E. A. en casa del Dr. Cortezo para tratar de los asuntos del Congreso, de los cursos y de todo nuestro movimiento, principalmente en la Universidad, Academias, Ateneo, etc.

*La Escuela Nueva* publicó importante artículo sobre Esperanto; *El Siglo Médico* se interesa por nuestro idioma, que propaga; *El Magisterio* realiza una buena labor entre los maestros, incitando a relacionarse a todos los maestros extranjeros; *La Revista Técnica de la Guardia Civil* sigue divulgando nuestro asunto hasta los más apartados lugares del país, y el número de octubre dará cuenta de nuestro futuro Congreso; el Sr. Inglada escribió en la revista científica *Ibérica* una reseña del Congreso de Ginebra, y acaba de elevar al Gobierno un luminoso informe sobre el mismo, y el Sr. Mangada hará lo mismo, pero es casi seguro por medio de un libro que intenta editar, el cual será muy interesante y eficaz para nuestra propaganda; *El Socialista* prosigue regularmente publicando cosas de Esperanto, y el importante diario *La Libertad*, que de vez en cuando habla sobre Esperanto, casi seguro que abrirá una sección semanal esperantista. El Congreso de Naturistas, recientemente celebrado en Bilbao, recomendó el Esperanto y la apertura de clases de

racio el metalaj laboristoj, akceptis esperanton, decidis ĝin instrui kaj deklaris ke por aparteni al la reganta komitato nepra kondiĉo estas scipovi Esperanton kaj ke la Delegitoj al internaciaj kongresoj ankaŭ devas nepre paroli nian lingvon.

nuestro idioma en los grupos naturistas; y también el Congreso celebrado en la misma ciudad y época de la Federación Nacional de Trabajadores Metalúrgicos aceptó el Esperanto, decidió su enseñanza, declarando que para pertenecer al comité sea condición indispensable saber el Esperanto, y que los delegados para asistir a los Congresos internacionales deben imprescindiblemente hablar nuestro idioma.

*Zaragoza.*—S-ro. Maynar entuziasme laboras por reorganizi la Aragonan Federación, li vojaĝas al ĉiuj lokoj, kie estis esperantistoj, por veki ilin ree. Huesca, Teruel, Alcañiz, k. c. devos respondi tuj kaj kunhelpi nian bravan nelacigeblan pioniron.

*Zaragoza.*—El Sr. Maynar trabaja con entusiasmo para reorganizar la Federación Aragonesa; viaja a todas partes donde existieron esperantistas, para despertarles nuevamente. Huesca, Teruel, Alcañiz y otros deben responder en seguida y cooperar con nuestro valiente e infatigable campeón.

*Sevilla.*—La ĉi-tieaj samideanoj varme laboras kvazaŭ se ili volus prepari la laboron por nia VII^a^, ili varbis al nia afero preskaŭ la tutan ĵurnalaron, kaj ĉi tio ja estas grava sukceso. S-ro. Carlos Martínez, inda sekvulo de nia plorata pioniro Trinidad Soriano, heredis de li la entuziasmon, fidelecon kaj laboremon al Esperanto.

*Sevilla.*—Los samideanos de aquí con calor trabajan, cual si quisieran preparar la labor para nuestro VII Congreso; ellos han conquistado casi todos los diarios locales, y esto ya es un éxito importante. El Sr. Martínez, digno sucesor de nnestro llorado campeón D. Trinidad Soriano, heredó de aquél el entusiasmo, fidelidad y laboriosidad por el Esperanto.

*Nacia Kongreso.*—Nia VI Kongreso okazos dum Pentekosto, majo, ĉar estos eble je tiu dato, laŭ sugestio de S-ro. Privat en Ĝenevo, ke li kunvoku la Centran Komitaton en Madrido okaze de nia kongreso, ĉar ni celas venigi iujn samideanojn gravajn el diversaj landoj, por doni al nia kongreso internacian karakteron kaj despli impresi la publikon, organizante paroladojn de la fremduloj pri «Es-

*Congreso Nacioual.*—Nuestro VI Congreso tendrá lugar en Pascua de Pentecostés, mayo, pues es posible que para dicha fecha, según indicación del señor Privat, en Ginebra, convoque al Comité Central en Madrid, con ocasión de nuestro Congreso, pues nosotros pretendemos hacer venir a algunos samideanos importantes de algunos países para imprimir a nuestro Congreso un carácter

peranto kaj lernejo», «Esperanto por gazetaro kaj literaturo kaj esperantaj gazetoj kaj literaturaĵoj» kaj pri aliaj tre interesaj temoj.

La Kongreso disvolviĝos dum unu semajno, kun vizitoj al Muzeoj, madridaj vidindaĵoj, ekskursoj al Toledo, Escorial, Aranjuez, k. t. p. Sed por ĉio estas necesa, kompreneble, ĉies helpo.

La kotizoj por kongresano estos:

*A.* 5 pesetoj por 6 peseta membro de H. E. A.

*B.* 8 pesetoj por 3 peseta membro de H. E. A.

*C.* 11 pesetoj por ne membroj de H. E. A.

La familianoj respektivaj pagos samajn kotizojn.

Tiuj, kiuj ne estos membroj de H. E. A. ne rajtos paroli nek voĉdoni.

Oni atingos fervojan rabaton.

Societoj, Akademioj, Kluboj, k. t. p., pagos 15 pesetojn kiel minimuman kotizon.

Oni akceptos tamen, ĉiajn monsumojn por helpi la organizaĵon.

Baldaŭ estos aliĝiloj.

En venontaj numeroj de LA SUNO HISPANA aperos la necesaj sciigoj pri tiu kongreso.

internacional e impresionar mejor al público organizando discursos de los extranjeros acerca de Esperanto y la escuela, Esperanto en la publicidad, literatura y gacetas esperantistas y cosas literarias, y sobre otros temas interesantes.

El Congreso se desenvolverá durante una semana con visitas a los Museos, cosas dignas de ver en Madrid; excursiones a Toledo, Escorial, Aranjuez, etc.

La cuota para congresistas será: A., de 5 pesetas para los miembros que pagan 6 en la H. E. A.; B., de 8 para los que pagan 3; C., de 11 para los que no sean miembros de la H. E. A. Los individuos de las familias respectivas pagarán la misma cuota.

Los que no sean miembros de la H. E. A., no tendrán voz ni voto.

Se conseguirán rebajas en los ferrocarriles.

Las Sociedades, Academias, Clubs, etcétera, pagarán 15 pesetas como cuota mínima. Sin embargo, se aceptarán cualesquiera cantidades para ayuda de la organización.

Próximamente estarán dispuestas las tarjetas de adhesión.

En los números sucesivos de la SUNO HISPANA aparecerán las noticias necesarias sobre dicho Congreso.

# Grava pliriĉ'go al la Esperanta literaturo

La eldonejo *Rudolf Mosse* en *Berlin*, kiu jam de kelka tempo grandstile okupas sin pri Esperanto kaj praktike uzas ĝin en kelkaj el siaj eldonaĵoj—ekz. en la granda Germanregna Adresaro por Industrio, Metio kaj Komerco kaj en la Semajna Eldono de Berliner Tageblatt,—deklaris sin preta, fari la provon eldoni sub la titolo

### TUTMONDA LITERATURO

multampleksan, malmultekostan bibliotekon. La biblioteko prezentos elekton el la plej bonaj literaturaĵoj tutmondaj, kaj ĝi estos *redaktata de komisiono de kompetentaj Esperantistoj*,. Ĉiu numero de la biblioteko enhavos proksimume 40 paĝojn en formato de 10 × 15 cm. *Ĝia unua serio ampleksos 50 numerojn kun tradukoj el 20-25 lingvoj;* ĝi do estos vere internacia. Oni intencas elvenigi po unu numero en ĉiu semajno. La prezo de la *tuta serio, inkluzive afrankon* por la alsendo de ĉiu kajero tuj post elveno, estos

**16,—Rm. Aŭ 4,—Dol. Aŭ 20.—Sv. Fr.**

aŭ egalvaloro en alia valuto. *Nur la kompleta serio estos mendebla, kaj la koncerna sumo devos esti antaŭpagata kune kun la alsendo de la mono.* Unuopaj numeroj ĝenerale ne estos vendataj. Mendojn oni adresu nur al la firmo *Rudolf Mosse, Buchverlag*, Abteilung Esperanto, *Berlin SW 68, Zimmerstrasse 61* (Germanujo).

*La biblioteko estos eldonata nur, se ĝis la fino de l'nuna jaro proksimume 10000 pagitaj mendoj estos alvenintaj ĉe la eldonejo.* Dek mil ja estas granda nombro, sed ĝi ne estas tro granda proporcie al la centmiloj da Esperantistoj ekzistantaj en la tuta mondo.

Proponu al la eldonejo taŭgajn manuskriptojn! Dezirataj estas beletristikaj aŭ populare-sciencaj tradukoj. Sed proponu nur tradukojn el via propra nacia lingvo kaj nur verajn «perlojn»! La elekto estos tre severa, konsidere al la alta celo de la nova biblioteko. Por ĉiu akceptita manuskripto la eldonejo pagos honorarion post elveno de la koncerna kajero, Por eviti sennecesan laboron, faru unue nur proponojn kaj atendu la informon de la eldonejo pri la sendotaj tradukoj. La eldonejo tamen rezervas al si la rajton, malakcepti manuskriptojn, kiuj ne estos taŭgaj laŭ iu vidpunkto.

**ESPERANTISTA LITERATURA ASOCIO**

*J. Zschepank—Prezidantino*

# SCIIGOJ

La Esperanta Societo Paco kaj Amo, en Barcelono, ĉi tiun jaron solenigis la datrevenon de nia lingvo kun brila sukceso. En ĝi partoprenis pli el ducent ĉeestantoj kaj okazis en arbaro C'an Feu, de Sabadell; inter tiuj troviĝis samideanoj el diversaj urboj. La festo konsistis: matene, sportaj kaj humoraj ludoj kaj posttagmeze, literatura kunveno; en ĝi paroladis konataj esperantistoj, inter ili amikoj Roig, Dalmau, kaj nia poeto, multfoje gajninto de la natura floro en la Internaciaj Floraj Ludoĵ, Sro A. Domenech, regalis nin, per belaj versaĵoj originalaj siaj.

La datrevenfesto meze de granda entuziasmo finiĝis kaj kredeble el multaj ĉeestantoj, invitataj, kelkaj fariĝos esperantistoj dank'al propagando, kiun ni faris dum la festo.—*Paco kaj Amo.*

---

Nia entuziasma pioniro Sro. F. Serrano Olmo, konstante laboras por nia propagando en la Kordova provinco kaj laŭ li mem sciigas al ni per letero ĵus ricevita, li atingis gravajn rezultatojn en la urboj apudaj al la provinca ĉefurbo tiea. Ni multe gratulas nian senlacan pioniron kaj esperas ke aliaj samideanoj imitos lin.

---

La solena malferma kunveno por fes-

# NOTICIAS

El Grupo Esperantista «Paco kaj Amo», en Barcelona, ha solemnizado este año el aniversario de nuestra lengua con brillante éxito. En él tomaron parte más de doscientos adheridos, y se celebró en el bosque C'an Feu, de Sabadell; entre aquéllos se encontraban correligionarios de varios pueblos. La fiesta consistió en: por la mañana, juegos de *sport* y humorísticos, y por la tarde, sesión literaria; en ella hablaron conocidos esperantistas, entre ellos los amigos Roig, Dalmáu, y nuestro poeta, ganador en muchas ocasiones de la flor natural en los Juegos Florales internacionales, D. A. Domenech, nos deleitó con hermosos versos originales suyos.

El aniversario terminó en medio de un gran entusiasmo, y seguramente entre los concurrentes, algunos de los cuales eran invitados, se harán esperantistas, gracias a la propaganda que se hizo durante la fiesta.—*Paz y Amor.*

---

Nuestro entusiasta campeón señor don F. Serrano Olmo, constantemente trabaja por nuestra propaganda en la provincia de Córdoba, y según él mismo nos comunica por carta que acabamos de recibir, ha conseguido importantes resultados en las poblaciones vecinas a dicha capital. Nuestra más cumplida enhorabuena a nuestro infatigable campeón, y esperamos que otros colegas imitarán su ejemplo.

---

La solemne sesión de apertura para

tigi la novan kurson de Esperanto en la Sevilja Societo de Amikoj de la Lando, atingis gravan sukceson. Prezidis la honorinda Pastro Jerónimo de Córdoba, honora Prezidanto de la Grupo je ĝia nomo; Sro. Vicente Gómez Zarzuela, kiuj reprezentis la Societon de Amikoj de la Lando, kaj Sro. Karolo Martínez, kiel Delegito de U. E. A.

Pastro Jerónimo de Córdoba faris elokventan paroladon pri Esperanto kiel simbolo de frateco, paco kaj amo; Sro. Gómez Zarzuela gratulis ciujn pro la granda nombro de lernontoj atingita dum la nuna jaro, kaj la profesoro de Esperanto Sro. Karolo Martínez, kuraĝigis la lernontojn por ke ili laboru por atingi la diplomon post mallonga penado, ĉar Esperanto estas tre facila lingvo-diris kaj komparis ĝin kun la aliaj vivantaj lingvoj.

Ĉiuj estis tre aplaŭdataj de la ĉeestantaro.

La rezultato de la nunjara matrikulo en la Sevilja Grupo estas 25 fraŭlinoj kaj 50 sinjoroj.

Fotografisto havigis al si kelkajn klisaĵojn de tiel agrabla kaj solena kunveno.

LA SUNO HISPANA gratulas Sron. Martínez pro la granda sukceso de li atingita.

---

*Foiro de Frankfurt A. M.*—La Foiroficejo de Frankfurt dissendis 24 paĝan ilustritan broŝuron en Esperanto, per kiu ĝi provas doni bildon pri la historio de la Varfoiroj de Frankfurt kaj montri la ekonomian signifon, kiun posedas por nia tempo la Internaciaj Foiroj de Frankfurt. Ili sukcesis certigi al si dum mallonga tempo fruktodonan fidon de industrio

celebrar el nuevo curso de Esperanto en la Sociedad Sevillana de Amigos del País, alcanzó un soberbio éxito. Presidió el respetable sacerdote D. Jerónimo de Córdoba, Presidente honorario del Grupo, en nombre de éste; D. Vicente Gómez Zarzuela, que asistió en nombre de la Sociedad Económica citada, y D. Carlos Martínez, como delegado de la U. E. A.

D. Jerónimo de Córdoba hizo un elocuente discurso hablando del Esperanto, como símbolo de fraternidad, paz y amor; el señor Gómez Zarzuela felicitó a todos por el gran número de alumnos alcanzado en el año actual, y el profesor de Esperanto D. Carlos Martínez alentó a sus discípulos a que trabajasen para alcanzar el diploma tras pequeña labor, haciendo resaltar la facilidad de el Esperanto, comparándolo con las demás lenguas vivas.

La concurrencia aplaudió a todos los oradores.

El resultado de la matrícula en el presente año en el Grupo de Sevilla, ha sido: 25 señoritas y 50 señores.

Al terminar el acto, un fotógrafo obtuvo algunos clichés de tan agradable y solemne sesión.

LA SUNO HISPANA felicita al Sr. Martínez por el gran éxito alcanzado.

---

*Feria de Frankfurt A. M.*—La oficina de la feria de Frankfurt reparte un folleto ilustrado de 24 páginas en Esperanto, mediante el cual intenta presentar un cuadro de la historia de las ferias de muestras de Frankfort y demostrar el significado económico que encierra en nuestros días la Feria Internacional de Frankfort. Ella ha conseguido asegurar,

kaj komerko kai justigi tiun ĉi fidon. Ilia organizo garantias al ekspoziciantoj kaj aĉetantoj ĉiujn avantaĝojn, kiujn oni deziras de moderna grandfoiro. Ĉiujn demandojn pri partopreno al la aŭtuna foiro, pri foira vizito kaj similaj aferoj respondas volonte la Foiroficejo (Messamt) de Frakfurt-M.—Platz der Republik.

en corto lapso de tiempo, la positiva confianza de la Industria y el Comercio, y justificar esa confianza. Su organización garantiza a los expositores y compradores todas cuantas ventajas puedan desearse en una gran feria moderna. Cuantas noticias acerca de adhesiones a la feria, como asimismo acerca de la visita y otras consultas interesantes, se deseen, serán contestadas con sumo gusto por la oficina de la feria (Messamt) de Frankfort A. M.—Platz der Republik.

# ADVERTENCIA IMPORTANTE

Advertimos a nuestros habituales lectores que, a partir de enero de 1926, no remitiremos la SUNO HISPANA más que a los socios de H. E. S. y a los de la Federación Esperantista Levantina que hayan abonado sus cuotas sociales.

Durante dos años hemos servido nuestra Revista *gratuitamente* a muchos esperantistas, incluyendo a los que fueron suscriptores a H. E. y a muchos otros que nos eran conocidos; pero, en adelante, dejarán de recibirla todos aquellos que ni siquiera se dignaron acusar recibo de ella, dándonos las gracias por nuestro desinteresado obsequio.

Dos años de propaganda es tiempo más que suficiente para acreditar la seriedad de una publicación como la nuestra, y la labor de cultura que realizamos merece, por lo menos, unas palabras de agradecimiento.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA